# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero de Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 2/02/2013 Naŭdek sepa Eldono 2012 2/02/2013 SENDITA

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

Kun granda malĝojo la filino de Anthony Gaskell informis min, ke Antono mortis Merkrede matene.



Laŭ la filino Jaki write2jaki@gmail.com) la funebro verŝajne okazos Marde, la 5an de Februaro je 2:15 ptm, ĉe Northern Suburbs Crematorium, en Sidnejo.

Ni perdas tre viglan Esperantiston kaj mi perdas bonegan amikon. Feliĉe, dum la lastaj semajnoj mi havis la eblecon viziti lin kelkfoje en la malsanulejo. Triste Rainer

#

Antono venis al la Manlia Klubo antaŭ multaj jaroj (1992) kaj parolis Esperanton iom fuŝe sed li provis. Li lernis rapide ĉar li paroladis fuŝe aŭ ne, kaj tiel rapide lernis la lingvon ĝis kiam li fariĝis spertulo.
Li batalis kanceron dum 5 jaroj. Ni ĉiuj esperis ke li resaniĝis kaj li ofte aspektis tre sana. RogerS

#

Mi ankaŭ ricevis la anoncon de la forpaso de Anthony Gaskell. Antaŭ la detruo de la bona etoso de AEA per avidpovaj homoj, mi havis bonajn momentojn kun li pro lia bona senso de humuro. Mi prezentas miajn kondolencojn al lia familio.
Sincerajn salutojn, Franciska

#



Mi supozas ke vi havas bonajn fotojn de Anthony, sed eble ne tiun faritan dum la somerkursaro en 2006.

Tie vi povas trovi pliajn fotojn de Antono kaj lasi mesaĝon, se vi deziras.
http://www.heavenaddress.com/Anthony-John-Gaskell/431722/photos
Amike, Nicole





**La 1an de Februaro Katarina kaj AE elsendis Tamen Plu. Se vi ne ricevis ĝin, informu min** rspring@tpg.com.au

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

## Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj

Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Komuniku

00Brunaj literoj signifas reuzata sed grava informo

Nigraj literoj signifas nova aŭ ĝisdatigata informo

## ALKLAKU la hiperligilojn markitajn tiel

AŭSKULTU, LEGU **ESPERANTAN RETRADION** TAGE

## Esperantaj-RetRadioj.



Mi estas aŭskultanto de tiel nomataj Esperanto-RetRadioj. Mi aŭskultas regule nian E-RetRadion kaj la Polan RetRadion. Liberatempe danke al speciala paĝo http://esperanto-radio.com/ mi facile kaptas kelkajn aliajn podkastojn, inter ili estas: Radio Vatikano, 3ZZZ, Varsovia Vento, Radio Havano Kubo kaj la Kaliningrada E-radio.

Sur la paĝo troviĝas ankaŭ radio Muzaiko, kiu elsendas tutdiurne siajn variajn programerojn.

Andreo Bach el Gdynia en Pollando





La plej nova numero de Monato estas senpage legebla dum 10 tagoj.

https://dl.dropbox.com/u/6142658/monato201302.pdf

Amike, Nicole

# KLUBNOVAĴO





**Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj**

# La kluba listo kreskas





## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj ) rspring@tpg.com.au

Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?



## 3ZZZ Retradio Melburno

Esperanto-programo estas dissendita de Melburno ĉiun lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3 FM, kiel ero de la multkultura radio 3ZZZ. Por la nemelburnanoj ĝi audeblas per la reto je www.3ZZZ.com.aŭ dum la sekva semajno aŭ iam ajn en la arkivejo www.melburno.org.au dank'al la ligoj de reta radio.

Por ekzisti ĝi bezonas almenaŭ 40 membrojn kaj bezonas arigi ĉiun oktobron $1000. Se vi pensas ke radio estas subteninda ilo por esperantistoj, nepre membriĝu irante al la retejo www.3ZZZ.com.au. La komitato de la Esperanto-radio en 3ZZZ antaŭdankas vin.



## Central Coast Esperanto Club

kunvenos Sab 2ptm 9a Feb 2013 Bamboo Buddha Café
221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



## La Brisbana Esperanto-Societo

Ni nun havas Facebook paĝon kaj ankaŭ, ni estas ĉe
www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/
Kay Anderson



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul



## La Melburna Esperanto Klubo

La Melburna Esperanto Klubo renkontiĝis ĉe Ross House je 6.30 ptm lunde.
Heather Heldzingen



## Esperanto Kafo Klubo de Kanbero

kunsidas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



# La Manlia Esperanto-Klubo Ĉiuj bonvenaj.

Unu taso da senpaga kafo Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf;
Manlio kunvenis la 2an de Februaro. 9 venis




Roger Springer, EŭiSeols Nah, John Casey, Rainer Kurz
HoYun Nah, Eŭnice Graham, Chris Holliss, Ian (Jano) Wylles, Mei (malfruis)

=== Manlia Esperanto Klubo: Junaj Esperantistoj matenmanĝas senpage ===
Junaj vizitantoj ĝis 30 jaraj estas invitataj al senkosta matenmaĝo (ĝis 15 dolaroj) ĉe la Manlia Esperanto Klubo. La estraranoj de la Rainer Kurz Fondaĵo decidis donaci 400 Eŭrojn al la Manlia Esperanto Klubo por instigi junajn Esperantiston viziti ĝin.Tiel la Germana fondaĵo volas helpi la klubon havi pli da junaj membroj.

La "Rainer Kurz Stiftung zur Förderung des Esperanto" estis fondita en 2003 por subteni la Esperanto-aktivadojn en la kampo de internacia kompreno, kulturo kaj scienco.



# Esperanto-Domo Sidnejo

Kunvenis 27an de Januaro 2013, venis 10. Roger S, Mei, Rainer, Robert, Volo, Nicole, Margaret C, EŭiSeok, HoYun, Marina.
Rainer montris filmetojn el la filmeta germana konkurso.
Pica kaj nudela tago BBQ lastaj dimanĉoj de la monato



# Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

La Torkio grupo konsistas de lokaj loĝantoj kaj vizitantoj de Melburno.
Ni celas esti amikaj kaj agrablaj, kaj plibonigi nian esperantan kapablon.

Ni babilas pri kaj per Esperanto - kaj ni trinkas kafon!
**tel 03 5261 2899 M 0421043272**
https://sites.google.com/site/torquayesperantoweb/



## La Adelajda Esperanto-klubo-

kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato (krom januaro) en Box Factory, Regent Street South. Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.
Zamenhof-tago en decembro (11 esperantistoj).

## ADELAJDA ESPEREJO

**Legogrupo**. En la Ŝtata biblioteko kunvenadas ĉiun ĵaŭdon
Max Wearing <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3375



## ?? post nelonge?

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Nia venonta kunveno estos jaŭdon, la 7-an de februaro, je la kutimaj horo de 19:00 (18:30 ĉe ni en Adelajdo)

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni deziras forgesi?

## Sydney Language Festival 2013

La NSK Federacio havas agadplanojn por ĉi tiu jaro. Ni organizos lingvan festivalon en Majo en la Internacia domo de la universitato de Sidnejo. Kaj mi jam komencis krei la retejon por tiu evento, Amike, Nicole vidu:
http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/



# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





Karaj,

Dum la kongreso en Melburno ni debatis ĉu ni subtenu Jonathan Moylan. Kelkaj kiuj ne ĉeestis ŝajne miskomprenis la "ni". Dum la komenco de la debato mi bone klarigis ke "ni" estas individuaj esperantistoj. **Tiu debato tute ne rilatis al AEA.** Tute ne estis decido ke AEA oficiale subtenu Jonathan, nur ke individuaj esperantistoj deziras subteni lin.



Amike, Nicole

# Dankon al ĉiu subskribinto sur bela bildkarto

Saluton Roĝer kaj Nikol, 31-1-2013

Gratulon al Vi ambaŭ, pro la raporto pri la Kongreso de AEA en Melburno.
Mi bedaŭras ke mi ne povis esti parto de menciita atmosfero harmonia kaj ĝuinda.
Tamen mi ĝuas kun resto de kongresanoj, pri la priskribo de Nicole Else, en mallongaj vortoj, kuraĝigante ĉiun individuon esprimi parteton de si mem kaj aldoni vivecon de humoro.

Mi persone esperas, ke estonte mi havos eblecon, legi en novaĵleteroj iom pli pri la aktualaj debatoj kaj konkludoj konkretaj. Se tio eblos publikiĝi, por ni kiuj ne povis ĉeesti persone, pro diversaj kialoj. La plejmulto estas belaj memorfotoj al ĉeestantoj, kaj al ni kiuj ne povis ĝui tiun ŝancon.

Fine mi deziras esprimi mian dankon al ĉiu subskribanto de la bela Aŭstralia bildkarto.
Mi volus respondi al ĉiu individue, sed tio ne eblas pro manko de adresoj kaj detaloj.
Mi faras ĉimaniere dankante al Roĝer kaj Nikol, pro ilia aktiveco kiu donis al ni eblecon legi novaĵojn, en belaspekta revuo. Dankon.

Svetislav Kanaĉki

Reago al la Novaĵletero n°90 **La Statuto**

Dankon pro tiu plia novaĵletero.
Kun plezuro mi legis la mesaĝon de Max Wearing , en kiu
li ankoraŭfoje esprimas sian deziron ke AEA retroe ŝanĝu sian statuton al tiu de asocio.
En sia unua mesaĝo , li priskribis kiel obstaklon la fakton ke necesas ke 75% de la membroj de la kompanio favoru la ŝanĝon.
Sed por unue ŝanĝi la asocion al kompanio, ankaŭ necesis la aprobo de 75% de

la membroj de la tiama asocio. Kiel la estraro, kiu sukcesis ŝanĝi la asocion al kompanio elturniĝis por atingi la deziratan rezulton? Ĉu la membroj de tiama estraro povas diskonigi sian metodon tiel ke estu uzata la sama metodo?
Franciska

## Kion vi opinias pri la du kolora AE?? Roger Springer

# Eraro je AE96

Kara Roger, re AE96
Henriette ankoraŭ trovis eraron.
Central Coast Esperanto Club kunvenis Sab 2ptm 9a Feb 2013
Kompreneble devus esti 'kunvenos'. Sed estis brunaj literoj, do mi ne atentis.

**Sed ĝenerale mi ja tre ŝatas la brunajn literojn por montri malnovajn informojn.** Amike, Nicole





(Kial ankoraŭ fotoj de la manlia klubo?? Ĉar vi ne sendis fotojn de via klubo)